# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 20/12/2014 Cent naŭdek sesa eldono 20/12/2014** SENDITA (unua eldono 20/09/2011)



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**




**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

## 50. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

### LA MODOJ DE LA VERBO. B.



En la dua modo de la verbo la diranto(j) esprimas, ke li aŭ ŝi aŭ ili aŭ iu ajn volas, ke ankoraŭ ne okazinta ago tuj aŭ baldaŭ aŭ poste okazas aŭ okazos. La diranto povas mencii AŬ nur la deziratan fakton sen aŭ kun ties subjekto, kiel en "Restu en la lito" aŭ "Ci/ŝi/ktp. restu en la lito", AŬ povas aldoni, kiu deziras ke la fakto okazu: "Mi diris al ŝi, ke ŝi restu en la lito!". Iu ajn verbo povas aperi kun la finaĵo "-u", ĉar oni povas deziri ion ajn. Oni nomas ĉi tiun modon la volitivo, kaj oni uzas por ĝi la finaĵon "-u". Ĝi povas uzati ankaŭ en demandoj, ekz. "Ĉu ni jam ĉesu naĝi?" kaj "Mi demandas min, ĉu li jam iru hejmen".

La intenso, la grado de devigo, ne estas indikata en la esprimo de la dezirata fakto, sed en la mencio de kiu deziras la fakton, per ties verbo, ekz. voli, ordoni, proponi, aŭ per mildiga aŭ severiga adverbo. Jen ekzemploj: "Bonvole restu en la lito", "Mi ordonas, ke ci restu en la lito",

kaj "Mi afable proponetas (= suggest), ke ci restu en la lito", kaj "Fulmotondro, bubaĉo, restu en la lito!".

Marcel Leereveld.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !** Vidu paĝojn 6, 7, 8. AE 193.

# Zamenhofa Festa informo.

## Esperanto-Domo Sidnejo Dimanĉon la 14an de decembro



Venis Roger kaj Mei Springer, Robert Bain, Jano Wylles, Jonathan Cooper, Andrew Spannenberg, Ago Ferrosa, Julius kaj Idi Faith, Margaret Chaldecott, Gerry Kaj Jane Phelan, Jane Allen, Nicole Else, Dmitry Lushnikov, Richard Delamore, Colin Robinson, Alan, Joanne, Eric kaj Karina Turvey, Mikelo Rizo, Chris Hollis, Keith Bowling, Steven Garamy, Volo Gueltling, John Casey, Pedro Breu. Entute Venis 28












Gerry kaj Jane aranĝis la manĝon, trinkon.
Roger aranĝis la programon.
Jonathan prelegis pri "Spaco en arto", Alan prelegis pri "Preter lingvo, kion la mondo bezonas por ke homoj amike kunekzistu" Richard prelegis pri „ Esperanto ETV "






# La Zamenhofa Vespero en Melburno.

Esperantistoj (21) el Viktorio celebris la Zamenhofan Feston pasintan Sabaton, la 13an de Decembro. Ni renkontiĝis en nova loko ĉe la *Unitarian Peace Memorial Church* en *East Melbourne*. Marcel Leereveld gvidis la vesperon kaj ni ĝuis la interesan Zamenhofan prelegon de Charles Stevenson kiu parolis pri du fruaj Esperantistoj en Aŭstralio. La unua estis Tilly (Matilda) Aston la blinda Esperantistino kiu fondis la Blindan Institucion en Melburno, kaj la dua, Paris Nesbit, fama Adelajda advokato kiu havis "kolorplenan" vivon. Ni estis tre bonŝancaj havi Trevor kaj Suzanne Holton kaj Alan Bishop, kiuj ludis por ni belegan muzikon (Tellermann). Roberto Leereveld ludis "bush" muzikon kaj ni ĝuis teatraĵetojn de la U3A grupo: John Fleming, John Coogans kun ilia instruisto Franciska Toubale.
Joanne Johns legis siajn belajn poemojn; John Coogans legis siajn kaj Karlo Egger distris nin per ŝerco. Ni ĝuis bonegan vespermanĝon, kaj havis la eblecon paroli kun amikoj kiujn ni ne ofte renkontas.
Heather Heldzingen








Saluton Ĉiuj,

**Jen ligilo al la fotoj de la Zamenhofa Festo:**

http://raevan.smugmug.com/Zamenhofa-Tago-2014/n-Pvzm9/i-487XMrM

Mi ne havas la retadresojn de la aliaj ĉeestantoj, do vi estas bonvenaj plusendi la ligilon al tiuj.
Bondezire,
Jo.
Joanne Johns

# "ANONCO DE LA MELBURNA ESPERANTO-SOCIETO.



Kiel kutime, la Melburna Esperanto-klubo ĉesas la lundvesperajn renkontojn ĝis la unua lundo en Februaro (2a) 2015.
Ni sendas al ĉiu leganto niajn bondezirojn por la Festa Sezono."
Heather

## La Esperanto-Doma Gastdormejo.  Estontaj gastoj



Rainer Kurz alvenis la 17an de decembro kaj restos ĉe la gastdormejo ĝis 28a Dec.
Ilia Dewi  el Indonezio  je la 29a de decembro kaj restos ĝis la 1a de Januaro.
Indrani BeharryLall el S.Aŭs.  alvenos Dec.30 kaj foriros Jan. 2.
Jesa (Hyon-suk) entute 4 koreinoj restos ekde la 11-a ĝis la 19-a de januaro.
Ĉu iu leganto povus viziti, ĉiĉeroni, helpi la gastojn? Sendu retmesaĝon por plusendo al la gastoj.    gymea@hotmail.com;  rspring@tpg.com.au; kaj  nsw@esperanto.org.au;

**Rainer Kurz** atingis Sidnejon la 17an de Decembro 2014 kaj restos en Aŭstralio ĝis la 16a de Marto 2015.     Rainer



## Esperanto-Domo  Sidnejo

Merkredon la 17an de dec venis Roger Springer kaj Margaret Chaldecott kiuj laboris farante ĝeneralajn oficejajn/domajn taskojn kaj Ian Wylles helpis en la arĥiva ĉambro.

## La ŝlosila libreto celas propogandi Esperanton.

Ĉu vi havas pli bonan metodon por rapide klarigi pri Esperanto al ne-Esperantisto?
Roger Springer




## Kara Amiko de Esperanto kaj UN,

**Bonvolu konsideri la eblecon finance kontribui nun. Sendu al ni vian financan kontribuon por helpi, ke la oficejo en Novjorko restu malferma kaj plivastigu sian agadon.  Montru la vojon al aliaj per via kontribuo.**
**La plej facila maniero sendi iun ajn sumon estas ĝiro al nia UEA-konto "novj-w".**

Jen kontribuaĵo de Tom O'Grady, kiu vivas malsana ĉe la Gold Coast Homestead Nursery Centre, Upper Coomera Qld. 4209.



# NUTRO.



Anglo kaj Skoto diskutis siajn naciajn manĝ-kutimojn

Diris la Skoto entuziasme: "Ni komencas ĉiun tagon per granda bovlo da aven-kaĉo!'

La Anglo: "Aveno? Pah! Ni donas avenon nur al **ĉevaloj**!"

La Skoto: "Tial vi havas bonegajn ĉevalojn. Kaj en Skotlando ni havas bonegajn **homojn**!"

Sendita de Erhard Claus

# Libro pri lingvoj ("esperintoj")




Karaj,

Gaston Dorren verkis libron kun la titolo *Lingo* kaj subtitolo *A language spotter's guide to Europe*. En tiu libro estas 4 paĝoj pri Esperanto, sed li skribas, ke Esperanto estas fakte malfacila lingvo kaj konkludas, ke "But ultimately, it may be just as well that he made Esperanto as difficult as he did. Had he made it easier, what might have happened? Esperanto might have become a world language after all, and we would all have had to learn it". Kaj li nomas esperantistojn "esperintoj" Li skribas "Esperinto – somebody who used to be hopeful, but no longer is. A word that sums up neatly the mood of most Esperanto speakers."

Ĉu vi konsentas? Bonvolu sendi al mi retmesaĝon se vi deziras ricevi kopion de la 4 paĝoj pri Esperanto nicole@cryogenic.net Amike, Nicole

# "Bildlibro pri bestoj",

100ª Universala Kongreso de Esperanto
Lillo, 25 julio–1 aŭgusto 2015

sur mia komputilo kuŝas du malnovaj eldonaĵoj:

Mi skanigis la "Bildlibro pri bestoj", eldonita de Daily Mail en 1961.

Se vi deziras rigardi mian kolekton de bildoj en jpeg-formato kaj excel-liston pri la menciitaj bestoj, mi volonte faros kd-on por vi kontraŭ antaŭpago de 10,- € kaj la sendokostoj.

Hodiaŭ mi skanis la komikson "Ludvic Lazarus Zamenhof – Inventor of Esperanto" de Hornby kaj Andrew. La pdf-dosiero ampleksas 3 mb. Ĝin mi volonte disponigos senpage por via privata uzo.

Amike, Peter Weide peter.weide@mail.dk

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Nian lastan Skype estrarkunvenon (18/12/2014) ĉeestis:
Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor
Kompreneble, la ĉefa temo estis nia

*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO EN JANUARO**

- Teofilo el Orienta Timoro – lia vizpeto progresas kaj ni daŭrigas esperi (ni ja estas esperantistoj) ke li venos
- Ni ne invitis Stephen Baah el Ganao, ĉar li volis "ĝeneralan" inviton al Aŭstralio
- La programo daŭrigas evolui. Bonvolu rigardi ĝin en nia retejo . . . kaj ankoraŭ eblas prezenti ion….
- Dum la kongreso, ni certigu ke iu el ni ĉiam enkondukas la prezentantojn kaj ankaŭ dankas ilin.

***ASIC**

Alia klopodo – Heather eltrovas ke ni "simple" "transigu" al kompanio…. Anstataŭ disigi la kompanion

*** ROBERT BUDZUL - LIBROSERVO**

Kam ***vere*** sendis kelkajn librojn al Heather en Melburno. Indrani intencos peti la reston de la ŝuldoj de Robert.

*** ESK**

Ni esperas ke vi ricevos la kristnaskan numeron antaŭ kristnasko.

*** KOMUNA RAPORTO**

Ni ricevis raportojn de Jonathan, Kam kaj Indrani. Sandor kreos unu komunan jarraporton.
La venonta Skype estrarkunveno okazos lundon, la 29-an de dec., je la 17:00 (16:30)
Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret, Sandor

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>**Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 | Vidu AE192 | Vidu AE193 | Vidu AE194 | Vidu AE195 | Vidu AE196 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 | | AE189 | | AE191 | | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 | | | | AE191 | | | | | |
| **Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | | | AE189 | | AE191 | | | | AE195 | |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | | | | | | | | | | AE196 |
| **Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero** | | | | | | | | | | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | | | | | | AE192 | | | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 | | | | | AE192 | | | AE195 | |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | | AE190 | | AE192 | | AE194 | | |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | | AE188 | AE189 | | AE191 | | | AE194 | | AE196 |
| **Melburna "Meetup" Grupo** | | AE185 | | | | | | | | | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | | | | | | | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | | | | |

**Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au**

**Sendu informon pri via klubo**

Estigu parto de la estonta historio de Esperanto ĉe Aŭstralio